# Konstru-Forumo 26

**januaro 2011**

Jan Werner, <...@...>

Al ĉiuj kunlaborantoj kaj legantoj mi deziras ĉiuflanke favoran jaron 2011. Jan Werner

## Enkonduke al la 26-a numero

Pasis la jaro 2010. Konvenas do iom konsciiĝi pri la fenomeno „tempo", ĉar apenaŭ registreble pasas tago post tago, jaro post jaro, pasas jardekoj de nia vivo. Pasis jam 44 jaroj de miaj iniciatoj por la celscia traktado de faka Esperanto kaj mi konstatas, ke ne tre pozitive. En la ĥronologia vidkampo nenio esenca okazis, eble krom diverskarakteraj politikaj renversoj kaj ekonomiaj perturboj. La esperantista movado sin ĉiam deklaras daŭre bone aganta kaj sukcesa. Ĉu vere? Eble unuavide.

Neniam mi estis naiva optimisto, kiel esperantisto mi ĉiam rekonis la kvalitojn de la lingvo unuflanke kaj duaflanke la aktualan malserenan staton de la movado, naive jubilanta pro ĉiu sensignifa evento.

En la tempo jam historia la movadon subtenadis pluraj brilaj personuloj (René de Saussure, Eugen Wüster, Gaston Waringhien, Kalmán Kalocsay, C. Støp-Bowitz, Paul Neergaard, André Albault, Tomáš Pumpr k.a.), sed en la 21-an jarcenton la movado eniris preskaŭ nuda, kapabla maksimume stagni. La ekonomie progresinta mondo, malgraŭ la krizo veninta pro nesatigebla volo pri la kresko de MNP (malneta nacia produkto) akompanata de monavido, gvidas onin al facilanima, idee sobra senzorgado. Turismo fariĝis industrio kaj la plebo estas dorlotata laŭ la devizo de *panem et ludam*. Por 99 % de esperantistoj sufiĉas turismi dum leĝera babilado. La lingvo plane ne prosperas, male, evoluas spontane. La 99 % tion ne perceptas, ne kapablas percepti pro nesufiĉa scipovo.

Okupiĝante pri Esperanto kiel nelingvisto mi devis studi. Mi rememoras, ke antaŭ 44 jaroj, komencinte tradukadon kaj kompiladon de konstrufakaj tekstoj, mi konsterniĝis pro la mizera stato de la lingvo. Mi tiam konjektis, ke sen terminologia preparo mi ne rajtas „fabriki" novajn nomojn de nocioj. Mi do ekstudis la koncernajn normojn de ISO (*International Standard Organisation*), kiujn mi tiam trovadis nefacile, ekzemple: *ISO Recommendation* R 704, R 919 k.a.

Lime de la 1980-aj kaj 1990-aj jaroj estis la tempo esperplena. En 1986 en Ĉeĥoslovakio okazis la unua internacia terminologia kurso por esperantistoj, aperis mia samtema lernolibro. En kelkaj mezeŭropaj landoj bone funkciis organizaĵoj de sciencistoj kaj teĥnikistoj. En Berlino grave kaj sukcese estris la terminologian kampanjon la geedzoj Wera kaj Detlev Blanke, iliamerite fondiĝis la Terminologia Esperanto-Centro (TEC) sub la aŭspicio de UEA. Danke al TEC okazis speciala internacia terminologia seminario (ligita kun praktika trejnado) en la slovakia urbo Poprad, sub Altaj Tatroj, gvidata de profesia kanada terminologo d-ro Brent. En la viena UK (1992) okazis terminologia seminario kun aktiva partopreno de Infoterm, grava internacia terminologia institucio. Bedaŭrinde la jaro 1992, pro kelkaj negativaj eventoj kadre de TEC, kvankam racie korekteblaj, gvidis UEA al la bedaŭrinda decido la terminologian centron likvidi. Tiel finiĝis la esperiga etapo, tro frue, ĉar TEC postlasis nur nemultajn spurojn.

Malaperis ankaŭ la Terminologia Centro de ISAE, aganta origine sub gvido de Rudolf Haferkorn (DE), poste de August Broise (FR) kaj fine de Rüdiger Eichholz (CA). Meze de la 1990-aj jaroj Ĉeĥa Esperanto-Asocio misdecide likvidis sian Scienca-Teĥnikan sekcion, tiukampe la plej ageman kaj plej sisteman subtenanton de la plana evoluigo de fakaj lingvoj, organizinton de internaciaj konferencoj pri apliko de scienco kaj teĥniko (KAEST) en Ĉeĥoslovakio (sume sesfoje).

Nur kelkaj individuoj persistis ĝis hodiaŭ. Unu tia aganto estas praga geologo, iama ĝenerala sekretario de ISAE, kiu spite sian aĝon ne ĉesas labori, ne nur sur la kampo de sia profesio, sed ankaŭ kiel esperantologo. Ĝuste la enhavo de liaj verkoj esperantologiaj estas grava ankaŭ por ni. Ĉi tie en la kadro estas specimeno de la nuna stato de Esperanto, ĝi reliefiĝas eĉ sprite. Tuj post la enkondukaj vortoj estas mia artikolo, recenzanta novan kontribuon de J. Kavka pri damaĝa homonimofobio. Tiun aferon ni renkontis diskutinte la vortoparon firmo kaj firmao en la reviziata DBV 271/47. Bonvolu la temon sekvi vere atenteme.

**Ĉu Esperanto plenumas la postulon de internacieco, ĉu de planeco, ĉu de kohereco?** Ni sekvu ekzemplon el astronomio laŭ *Scienca Revuo* 2/2005 (Josef Kavka: *Astronomio, planlingvo, fobio*).

1. (de) *Komet*, (en) *comet*, (eo) *kometo*, (es) *cometa*, (fr) *comète*, (pt) *cometa*, (ru) *kometa*, (cs) *kometa*. Jen, kia laŭdinda internacieco!
2. (de) *Planet*, (en) *planet*, (eo) **planedo**, (es) *planeta*, (fr) *planète*, (pt) *planeta*, (ru) *planet*, (cs) *planeta*.

Kial, spite al la internacia T, en Esperanto subite aperas D? Nu tial, ke planeto estas nur malgranda plano, nenio pli… Tamen, ĉu do la kometo ne estu nur malgranda komo?
3. (de) *Planetoïd*, (en) *planetoid*, (eo) mankas en NPIV, (es) *planetoide*, (fr) *planetoide*, (pt) *planetoide*, (ru) *planetoid*. Ĉu la NPIVa „planedeto“ ĉifru la plene internacian terminon?
4. (de) *Planetologie*, (en) *planetology*, (eo) mankas en NPIV, (es) *planetologia*, (ru) *planetologia*. Kiu motivo gvidis la redakcion de NPIV ne registri la terminon „planedologio“? Ĉu tial, ke ĝi spitus la internaciecon?
5. Mi tuŝu la NPIVan: **planetario**. Mirinde, ĝi ne signifas arion pri malgranda plano, sed aparaton, „kiu projekcias al interno de duonsfero bildojn de Suno, Luno, planedoj…“ Kial ne „planedario“ analoge al la pli supre menciita „planedeto“? Kien malaperis la kohereco postulata ekz. fare de Suonuuti (1998)?
6. Kun astronomio koneksas raketo, (de) *Rakete*, (en) *rocket*, (ru) *raketa*. Tamen esperantistoj timas, ke la spacpafaĵo povus konfuziĝi kun la sporta pilkoĵetilo, do ili bezonas lanĉi la paronimon „rakedo“. Samtempe ili ne timas, ke la kosma raketo povus konfuziĝi kun malgranda rako…

Artikolo pledanta por sistema internacia kaj planlingva karaktero de Esperanto:

## Se ekzemple *A* estas <u>ne</u> radikparto, sed substantiva finaĵo latina, ĝi apenaŭ povas konsistigi radikfinon de Esperanta vorto[1]

D-ro Josef Kavka (*1922) estas elstara natursciencisto, profesia petrologo, sed ankaŭ lingvoscienca kaj esperantologia eksperto orientita al nomenklaturoj kaj ties etimologio kaj semantiko.

En 1996 aperis lia verko Kontribue al PIV (eld. Kava Pech) en kiu li esplore kaj kritike sekvis esperantajn radikfinojn kaj ilian koincidon kun sufiks(oid)oj. La tuta kajero *Scienca Revuo* 1/2003 estas dediĉita al la traktaĵo de J. Kavka: *Scienca Vortaro de Esperanto* (*akompane al la nova PIV*).

En 2009 la sama temo, iom relaborita kaj plivastigita, estas publicita kiel speciala kajero de *Scienca Revuo* (ISAE, vol. 60, kajero 1, ISSN 0048-9557). Ĝuste tiun mi al vi parte prezentos.

En mia *Konstru-Forumo* 25, p. 163, punkto 47, mi reagis pri rimarkigo, ke ni preferu la esprimon *firmaoŝildo* antaŭ *firmoŝildo* (temas pri reviziata Esperanta Bildvortaro *Duden*, temo 271). Mi defendis la originan Zamenhofan formon *firmo* kaj malaprobis la novan formon *firmao* per vortoj krudaj, nome ke „ĝi estas produkto de iu lingvistika nekompetentulo (fakte stultaĵo kun du gramatikaj finaĵoj, kun la internacia *a* kaj la esperanta *o*)“. Nun mi demonstras, ke mia decida starpunkto ne estas senkoncepta. La supre nomita Josef Kavka en siaj verkoj avertas nomenklaturajn vortaristojn antaŭ misformado de **internacie kodifitaj nomoj** pro homonimia fobio. Tuj en la prefaco de sia nova verko li prezentas la ekzemplon de neserioza perturbo de faka esperanta leksiko:

**La konifernomo *Taxus* ne misformiĝu en Esperanto al „taksuso“ (PIV, NPIV) por eviti homonimecon kun la fundamenta radiko <u>taks/</u>, sed nepre fariĝu <u>takso</u>, kohera kun la famili-nomo <u>taksacoj</u> (*Taxaceae*), kun la veneno <u>taksolo</u> ktp.**

La problemo de latinaj kaj internaciaj radikfinoj ne koncernas nur la supre menciitan *a*, sed same intense ankaŭ la finaĵojn e, *i*, *o*, *u*. Ilia konservado en esperantaj radikoj estas plago por nia lingvo, fenomeno, kiu kompromitas Esperanton en scienculaj rondoj, malaltigas ties fidindecon. El la verko de Kavka mi nun prezentos kelkajn pluajn ekzemplojn almenaŭ el la jam komencita *a*-problemo.

„alkao“ kaj „aŭko“ en NPIV estas formoj misaj. *Alca* devus fariĝi **alco**, *Alcidae* **alcedoj**.

„damao“ el la cervedoj, nomenklature *Dama*, latine *damma*, devus fariĝi **damo**, sendanĝere homonima kun nobla sinjorino.

„firmao“ = firmo 2 laŭ NPIV; la fundamenta **firmo** por komerca entrepreno ne bezonas paronimon.

„Ganao“ = **Gano**, ĉar nacilingvaj derivaĵoj estas Ghan/ian, Ghan/éen, ghan/ský ktp.

„Gazao“ = **Gazo**. Zamenhof nomis la urbon Gaza; la kripligo al Gazao estas rifuzenda.

„gutao“ = **gut(t)o**. Ĉu konfuzo inter guto kaj gutto estas imagebla?

„Iovao“ = **Iovo**. La PIV-a kaj NPIV-a versio ĉe iovanoj sendube vekus miron kaj mokridon.

„jukao“ = **juk(k)o**; oni ne timu, ke la sandominga planto kaŭzas jukadon.

„kalao“ (*Calla*) el la aracoj (*Araceae*), laŭ NPIV „arumacoj“, estas nomenda simple **kalo**, aŭ **kallo**.

„kalandrao“ = kalandro; ne minacas konfuzo de la koleoptero kun la birdo melanokorifo kalandra.

„kamerao“ (*camera*) liveras tute superfluan, nepre evitindan paronimon al la fundamenta **kamero**.

„kanao“ el „kanaacoj“ estu **kan(n)o** el **kan(n)acoj** (*Canna*, *Cannaceae*).

„karao“ devas esti **ĥaro** (*Chara*), la gluo de A prezentas apenaŭ kompreneblan timon antaŭ la homonimeco kun la fundamenta radiko **kar**/.

[1] Citaĵo el la verko de J. Kavka *Homonimoj en Esperanto, konsiderataj nomenklature kaj terminologie* (ISAE, 2009)

„kavao“ taŭgas por nomi nek *Piper methysticum*, nek la el ĝi pretigatan narkotan trinkaĵon *kawa-kawa*, kiu meritus esperantiĝi pli eble **kavakavo**.

„kolerao“, vera monstro, kiu eĉ en la Ĥ-alergia NPIV referencas al la fundamentaĵo **ĥolero**.

„kolao“ klopodas eviti koincidon kun la fundamenta **kolo**, kiu sendanĝere povas servi ankaŭ por la tropikaj specioj de *Cola*.

„komao“ certe devas esti la fundamenta **komo**, kun la 3-a, la muzika senco.

„limao“ – se oni ne timas konfuzon de la ĉefurbo Limo kun ajna limo, kial oni timu okaze de la moluskogenro **limo** (*Lima*)?

„majao“ = **majo**; la indianan genton en Centra Ameriko ja neniu konsiderus kiel monaton.

„molao“ = **molo** (*Mola*) el la moledoj (*Molidae*), la rondkorpaj fiŝoj.

„nepao“ = **nepo** (*Nepa*), kohere kun nepedoj (*Nepidae*); oni ne timu, ke la hemiptera insekto „akvoskorpio“ konfuziĝus kun „prafilo“.

„novao“ estu **novo** aŭ **nova stelo** (de: *Neuer Stern*, it: *stella nuova*); ofta nacilingva radiko estas nov/. Same „supernovao“ estu **supernovo**.

„pinao“, la moluskogenro *Pinna*, povas nomiĝi **pin(n)o**.

„poao“ kaj „poaacoj“ estas misformaĵo por **poo** (*Poa*), la familio devas esti **poacoj** (*Poaceae*), la ordo **poaloj** (*Poales*).

„Portvilao“, la ĉefurbo de Vanuato, estu simple Vilo.

„purpurao“ estas superflua paronimo al la fundamenta **purpuro** (laŭ la 3-a signifo en PIV, tamen ne en NPIV), kohera ekz. kun la botanikaj speciepitetoj *purpuratus*, *purpureus* k.a., kun **purpurino** ktp.

„raĵao“ = raĵo, kohera kun Raĵastano (en NPIV „Raĝastano“, ortografie apenaŭ internacia).

„reao“ (*Rhea*), la strutsimila birdo, devus fariĝi **reo**, homonima kun la planto (Rheum, NPIV-e „reumo“), tamen tute sendanĝere.

„Sanao“ = **Sano**, la ĉefurbo de Jemeno.

„senao“ (*senna*, *folia sennae*) fariĝu **seno**; la kompleta nomo estas **kasio sena** (*Cassia senna*); temas pri tropika planto enhavanta glikozidecajn **senozidojn** (ne „senaozidojn“) kun efiko laksetiga; konfuzoj kun la prepozicio **sen** kaj la derivaĵoj **seno**, **sena**, **sen(ig)i** apenaŭ okazus. Cetere la duobligo de konsonanto estas ebla: **kasio senna**.

„tifao“ estas en EB (1988) kaj NPIV „tifeo“, nomenklature devus esti **tifo** (*Typha*), kvankam homonima kun la infekta malsano (latine *typhus*, greke *tyfos*); la familio *Typhaceae* estu **tifacoj** (nek „tifaacoj“, nek „tifeacoj“).

„verugao“, hispane *verruga* el la latina *verruca*, origine signifis ajnan verukon; por nomi la endemian haŭtmalsanon en Sudameriko nepre sufiĉas la hispaneska **verugo**.

„vilao“ (*villa*) – NPIV referencas al la zamenhofa **villo**: jen denove inspiro por duoblaj konsonantoj.

„Voltao“ por la fizikisto kaj la rivero en Burkino (ne „Voltalando“) fariĝu **Volto**, kohere kun **volto**, la unuo de elektra tensio.

La supervidon pri la latina a-finaĵo Josef Kavka fermas per la vortoj: Resume oni povas konkludi, ke la senpripense homonim-fobia enkondukado de A-vortoj draste perturbas la nomenklaturajn sistemojn. Sekvas pluaj ekzemploj kaj admonoj pri la latinaj kaj internaciaj finaĵaj -e, -i, -o, -u truditaj al la esperantaj vortradikoj. Apartaj ĉapitroj estas dediĉitaj al la radikfinaj silaboj AD, AN, ON, AR, ER, AT, IT, OT, ED, (ET), EG, EN, IN, IK, IL, IS, ID, IV, KS, OL, UL, OR, (ATOR, ADOR), PUS, UM, US. Centoj da interesegaj demonstroj pri laika konsistigado de esperanta scienca leksiko. Legindaj kaj studindaj estas ĉiuj 72 paĝoj de la kajero. Domaĝe, ke ISAE post 100 jaroj de sia ekzisto nun estas nur negranda rondo. La publiko leginta la verkon do estas tre limigita. Sed la baro por la kompetenta kritiko troviĝas, surprize, eĉ en Rotterdamo. Antaŭtempe ĝenerala sekretario de UEA petis de d-ro Kavka manuskripton pri *Scienca leksiko de Esperanto* kun la intenco publikigi ĝin eldone de UEA. D-ro Kavka plenumis la peton, sed nova ĝenerala sekretario la verkon „dronigis“. Laŭ la informo de Kavka, ĉiuj liaj intervenoj vanis. Oni ne respondis liajn leterojn, eĉ ne reagis al lia peto revenigi la manuskripton. (Surpriza konduto de la gvida movada organizaĵo, ĉu?)

Pro la alta aĝo kaj malsano d-ro Kavka tamen trovis sanan forton por sprite fermi sian verkon: „…mi konfesu, ke ne ĉiam mi kapablis diveni realan motivadon de NPIV. Ekz. ĉu ne ŝajnas esti plene absurda la procedo de ĝiaj kompilintoj okaze de *Cyperus papyrus*: cipero, sed ne „ciperuso“, „papiruso“, sed ne papiro. Se oni nepre timus homonimecon kun cip-ero, kial oni ne elektis la konsekvencan „ciperuso“? „Papiruson“ ni jes komprenas, ĉar oni timis homonimecon kun pap-iro…“

La verko estas finita per la bibliografia listo kun 85 literaturaj titoloj.

NOTO: Kun sincera danko kaj admiro mi notas, ke plurajn formulojn mi ĉi tie uzis laŭ la recenzata verko *Homonimoj en Esperanto, konsiderataj nomenklature kaj terminologie (kontribue al La Nova PIV)* (ISAE 2009) kun la permeso de ties aŭtoro D-ro Josef Kavka, kompleze leginta ĉi tekston. Brno 2010-11-12 – Jan Werner

## Kontaktoj

**KF-anoj** kaj legantoj komentintaj KF 25: B. Ĉupin, P. Grollemund, H. Hoffmann, Horváth J., C. Longue Epée, F.v.Mook, Đ. Obradović, K. Votoček; informon pri fervojistoj sendis Z. Hinšt, revizii la verketon pri ladista metio promesis Galina Terentjeva,salutis nin L. Zizi.

**Pierre Grollemund** en sia mesaĝo el 2010-12-17 aprobe komentas la raporton pri la jarkunsido de TAKE en KF 25, komence de la rubriko **Kontaktoj**. Li instigas debatojn pri la funkciado de TAKE kaj partoprenon de ties membroj ankaŭ en terminologia agado. P. Grollemund disponigis al mi plurajn dokumentojn, kiuj defendas liajn starpunktojn koncerne ladistajn terminojn, unuavice pri lia koncepto de „faldo“ kontraŭ „foldo“. La dokumentojn mi ne enmetas en KF 26, ĉar kopie ricevis ilin ĉiuj KF-anoj rekte de la aŭtoro. Krome, laŭ mia konsidero la termino „faldo“ ne estas pravigebla. Tamen mi objektive deklaras, ke P. Grollemund rajtas ĝin aplikadi kaj mi plu kontraŭstari. Mian koncepton mi ankoraŭfoje eksplikas en la ĉi-numera traktaĵo pri la **temo 40 – Ladista foldo**, paĝoj 179-181.

**Prof. E. D. Krause** informis min (2010-11-11) pri mia malĝusta noto en KF 25, p. 172 meze, sub **31, 32 Leibung** (citaĵo el lia mesaĝo): En la alineo, kiu temas pri **Leibung** vi i.a. skribas: *Mi uzas ĉi okazon por atentigi, ke E. D. Krause en sia Granda de-eo vortaro (2007) la terminon Leibung tradukis mise kiel intradoso.* Mi certas, ke la mencio de **intradoso** ne estas misaĵo. Sur paĝo 836 tekstas jene: **Leibung** *f Arch (innere Wölbungsfläche [eines Bogens]* intradoso. Bv. noti, ke temas pri Wölbungsfläche **eines Bogens**. Jes ja mankas la dua traduko (kiu tamen enestas en la inversa parto (eo-de): **embrazuro** /sur paĝo 176/). Tie oni trovas **1. Leibung** *f*, innere Mauerfläche *f bei Fenster u. Tür*. **2.** *Mil* .... Cetere kp. en NPIV la vortojn **intradoso** kaj **embrazuro** kaj ties klarigojn pri uzo. Kaj, krome, mi ja diferencigas inter *Bauw* kaj *Arch.* – Mi devus tamen, duaeldone, en la parto de-eo aldoni sub **Leibung** *f* **1.** *Bauw* Leibung *f*: in das Mauerwerk eingeschnittene Wandung von Tür u. Fenster **2.** *Arch ..... /vidu supre/.*

Mi dankas al Prof. Krause por la atentigo kaj petas pardonon., ĉar vere, nun mi konvinkiĝis pri **du signifoj** de la germana *Leibung* ankaŭ en mia de-cs konstruteĥnika vortaro, ke *Leibung* estas (tradukite): embrazuro; interna surfaco de volbo, arko (intradoso).

**Đ. Obradović** informis 2010-12-22, ke profesoro Franc Maleiner, aŭtoro de la artikolo pri lagunaj akvopurigejoj, publicita en *Jarkolekto de TAKE 2010*, „estis tre kontenta kaj laŭdis nian eldonaĵon. Ankaŭ mi laŭdas la enhavon de ĉi-jara eldono kaj aparte la belan aspekton de la libro.“

**D-ro Heinz Hoffmann** (IFEF) afable komentis la trakajn nociojn en la temo EBV Duden 272.

## Jarkolektoj de TAKE 2010 kaj 2011

**Jarkolekto de TAKE 2010** estas mendebla ĉe la kasisto de TAKE: André Grossmann, 5, rue des Pyrénées, F-68390 BALDERSHEIM, Francio; retadreso <...@...>. La prezo inkluzive de poŝtafranko estas 6 €. La jarkolekto estas mendebla ankaŭ en la Libroservo de UEA, kie ĝi kostas 6,90 € + afranko.

**La redaktoro de la Jarkolekto 2011** Fabien van Mook informas:

- antaŭ la 1-a de marto 2011: aŭtoroj informos la redaktanton pri eblaj titoloj kaj temoj. Jam pretaj tekstoj kompreneble estos bonvenaj tuj;
- en marto 2011: la redaktanto informos la aŭtorojn pri sia elekto kaj prefero. Sekve aŭtoro povos ekverki aŭ ektraduki;
- la 15a de junio 2011: tio ĉi estas la preferata limdato por la livero de artikoloj al la redaktanto. (Laŭ interkonsento kun la redaktanto aŭtoro rajtas prokrasti;)
- sekve: en kunlaboro kun la aŭtoroj la redaktanto finredaktos kaj enpaĝigos la artikolojn;
- fine de aŭgusto 2011: la JK estu prespretigita;
- en septembro 2011: presado kaj distribuo de la JK.

## Aparta noto pri EBV Duden 272, nocio 17 – *Spundwand*

En KF 25 mi (WE) akceptis la esperantan ekvivalenton laŭ R. Eichholz „ŝtalpalisa vando“, la kolego Horváth J. simpligis ĝin al „palisvando“, cetere prave, ĉar la germana fonto ŝtalon en la nomo ne enhavas. Iom poste mi revenis al la nocio *Spundwand* kaj detale analizis la aferon:

1. La germana termino informas pri celo de la vando, sed ne pri la materialo de la vando.
2. La tradukoj de EI, Ho kaj WE male evitis la informon pri la celo kaj mencias la materialon: palisojn. Sed *Spundwand* ne estas konsistigata el simplaj palisoj (*Pfahl* – forta ligna stango, malsupre pintigita, kiun oni starigas, enigante ĝin en teron), (en: *stake*, *pile*), sed el specialaj lignaj aŭ ŝtalaj elementoj, kiuj estas kapablaj elfari akvohermetan – ŝtopan – vandon.

3. La germana fonto nin konduku al la prava ekvivalento: **ŝtopvando**.
4. Post nova observo de la bildo 17/272 mi povas tuj diri, la vandon ne formas *Pfahl*, sed *Bohle*, *Spundbohle*. *Spundbohlen* sur la bildo estas ŝtalaj (tipo Larsen). La origina *Bohle* estas ligna, mi montris ĝin en KF 25 sur la paĝo 172. Por fari la vandon ŝtopa, la pinto estas asimetria.
5. Mi serĉis la terminon por *Spundbohle* kaj trovis ĝin en PIV 2005, la paĝo 1128, en la art. tabul/o: palistabulo. Difino: Tabulo, antaŭe el ligno, nun el profila ŝtalo, por konstrui palisdigojn.
6. Direkte al la aŭtoroj kaj reviziintoj de PIV mi la nomon juĝas opone, ĉar: 1. La digon (vandon) oni absolute ne povas fari el tabuloj. – 2. Estas mirige, ke la tabulo estas determinita per paliso (palis-tabulo) – kontraŭdiro. – 3. La ligna digo (vando) el simplaj palisoj ne povas garantii ŝtopkvaliton, hermetecon kontraŭ akvo.
7. La ŝtop-elementoj origine estis el lignaj diloj (la dimensiojn vidu en KF 25, paĝo 172), nun uzatas ŝtop-elementoj precipe ŝtalaj.
8. La ŝtop-elementojn ne eblas munti mane, ili estas en teron enbatataj maŝine, per ramo.
9. La elementon de ŝtopvando mi rekomendas nomi laŭ la originala dilo kaj laŭ la teĥnologio de muntado, laŭ ramado: **ramdilo**. Ĝi estas eĉ pli preciza ol *Spundbohle*. Unuopa ramdilo ne ŝtopas, nur la tuta vando kun „fermitaj“ juntoj inter ramdiloj, egale ĉu el ramdiloj lignaj aŭ ŝtalaj, kapablas ŝtopi. *Spundwand* do estu ŝtopvando.
10. Fine ni komparu kelkajn nacilingvajn nomojn de [ŝtopa] ramdilo: (de) *Spundbohle*; – (en) *sheet pile*; – (fr) *palplanche*; – (ru) *шпунт* [ŝpunt], *шпунтина* [ŝpuntina], *шпунтовая свая* [ŝpuntovaja svaja]; – (pl) *ogniwo/element ścianki szczelnej*; – (cs) *štětovnice*.

## Nisolvas termin-vakaĵojn

**La temo 31 – Bazaj terminoj en konstrufaka varmteĥniko**. En KF 22, paĝo 130, estas menciite, ke ni petis 18 fizikistojn esperantistojn pri lego kaj prikonsidero de la koncernaj terminoj uzitaj en la artikoloj de Fabien van Mook (en Jarkolekto de TAKE 2009) kaj de Jan Werner (en KF 22, paĝoj 131-136) – troviĝantaj en http://fabien.galerio.org/varmo/. Laŭ la *Tria cirkulero* de la kolektivo pri bazaj varmteĥnikaj terminoj el 2010-12-17, eldonita de F. van Mook, promesis kunlaboron nur du personoj, nome D. Bertrand (FR) kaj M. Meeuwissen (NL). La traktado ankoraŭ ne estas finita.

**La temo 35 – Bildvortaro Duden – 271 Konstruejo I**.

**25+88 – Windstrebe, Kreuzstrebe**. Fabien van Mook (plu nur F.v.M.) tamen preferas «(stabiliga) ŝtrebo», akcepti li povas la kompromisan formon «venta stabiliga ŝtrebo».

**35** – **Aufgabekasten**. F.v.M. akceptas la novan proponon «pleniga funelo».

**47** – **Firmenschilder**. F.v.M: Vi eble pravas pri la pureco de «firmo», sed laŭ mi estas malfacile ŝanĝi komunuzan lingvaĵon kontraŭ la ĝenerala tendenco. Mi celis ne anstataŭigi «firm(a)oŝildo» per «avizoŝildo» aŭ «avizotabulo», sed informi, ke la vorto «avizoŝild/tabul/o» estas nomoj de alia nocio: kiam ĉe la konstruejo per klara ŝildo oni devas anonci (avizi) certajn aferojn pro leĝo, ekzemple numerojn de la konstrupermesoj, sumon de la entrepreno kaj aliajn administraĵojn.WE: La nomo de tiu objekto el la vidpunkto de terminologio estas marĝena, ni liberigu ĝin por individua elekto. Tamen mi ĉi-numere uzas la okazon por demonstri bezonon de lingva pureco, pri danĝero de kontraŭ-internaciaj perturboj de Esperanto helpe de la verko far J. Kavka.

**85 – Wurfsieb**. F.v.M.: Mi evidente estas tro juna, aŭ loĝas en lando, kie aĉeti pretigitan ŝtonaron kun la dezirataj frakcioj estas pli malmultekoste. Mi konsentas pri «traĵeta kribrilo». WE: Certe tia ŝtonaro estas aĉetebla ankaŭ en Germanio, tamen la germana Duden enhavas la ilon por mana klasifikado de ŝtonaro. Junaĝe mi spertis ĝin en malgrandaj konstruejoj, ekz. de familiaj domoj.

Ĉar neniu alia komentis la sekcion **C** laŭ KF 25, paĝo 163, mi finas la diskuton pri la temo 35.

**La temo 36 – Fluato**. La temon komentis Đ. Obradović: „Mi konsentas kun fluato.“ Tamen li aldonis, ke ĝi ne faru konfuzon pro simileco al participo de flui. B. Ĉupin sciigis, ke li la temon ne kometentas. WE prokrastas la fermon de la diskuto ĝis KF 27.

**La temo 37 – Bildvortaro Duden – 272 Konstruejo II**.

**5 – Unterzug**. B. Ĉupin kaj Đ. Obradović aprobas ĉeftrabon. F.v.M.: Kial ne ĉefbalko krom ĉeftrabo? WE: Ambaŭ preskaŭ identas, sed mi rekomendas a) eviti sinonimojn, b) nocie ilin distingi laŭ konkreta medio kaj nom-uzanto: Trabo estas ĉiam materia, precipe metiista materialo, dum balko estu vidata ankaŭ nematerie, kiel objekto de statika kalkulo.

**6** – **Voute**. B. Ĉupin, F.v.M. kaj Đ. Obradović aprobas vuton.

**17 – Spundwand**. B. Ĉupin voĉdonis por ŝtalpalisa vando. F.v.M.: Nun al mi ne klaras, kion vi finfine proponas. Ramvando, ŝtopvando, ŝtalpalisa vando? Leginte vian rezonadon, mi proponas «ramvando» por

Spundwand. Ties elementoj nomiĝu «ramdiloj». WE: En KF 25 mi la problemon analizis, sed ne elektis. Post mia nova prikonsidero mi notas, ke estas utile diferencigi ramitan vandon (el ramdiloj ĉu lignaj, ĉu ŝtalaj) tiel ĉi: a) kontraŭ terpremo kaj akvopenetro efikas *Spundwand* = ŝtopvando (*spunden* = ŝtopi) kaj b) nur kontraŭ terpremo, deŝuto de efloreskita rokaĵo, ĉe profunda fundamentado de konstru-vorko sen eblo deklivigi la foson k.s. ramvando (*Rammwand*); *Rammholz* = ramligno; ramdilo. Kompreneble, ŝtopvando estas speco de pli ĝenerala nocio ramvando (hiperonimo).

**20+21+77 – Biegetisch, Eisenbieger, Biegeeisen**. B. Ĉupin voĉdonis por fleksostablo, ŝtalfleksisto. Đ. Obradović akceptas: vergofleksa stablo, ŝtal-(armatur)-fleksisto. F.v.M.: «fleksi» kaj «kurbigi» tre similas unu al la alia. Laboristo fleksas aŭ kurbigas vergon nur je certaj lokoj. En tiuj lokoj okazas kurbiĝo. La vergo en tiuj lokoj estas kurba; la ceteraj pecoj restas rektaj. Oni do ne celas kurbigi la tutan vergon; tial kurbigisto ne estas fuŝisto. Ĝenerale, se oni kurbigas ion, oni rajtas lasi rektajn pecojn. Aliflanke, «fleksi» kaj «kurbigi» iel diferencas laŭ mi, ĉar ĉe «fleksi» mi ofte pensas pri maniero de ŝarĝado, kaj ĉe «kurbigo» mi ordinare pensas pri ia forma rezulto. Pro tiu eta diferenco, mi inklinas do al kurbigo, kurbigisto, kurbiga stablo. WE: La adjektivan radikon „kurb“ proponis ankaŭ Eichholz kaj Horváth. En PIV „kurbigi“ estas referencita al la verboj fleksi kaj klini „en la sama semantika kampo“. Ni komparu kurbigi kaj fleksi:

| | |
|---|---|
| **kurbigi**: Fari iun aŭ ion tia (kurba), ke ĝi estas nek rekta, nek konsistanta el rektaj partoj. | **fleksi** (tr): **1** Kurbigi ion sub premo aŭ kun peno. **2** falde proksimigi unu al la alia du samartikajn anatomiajn elementojn. **3** humilige cedigi. |
| Kurbigi arman vergon signifas fari ĝin nekonvena por armado de ŝtalbetona elemento. | Fleksi arman vergon signifas, analogie laŭ la anatomiaj elementoj (2), falde proksimigi unu al la alia partojn de arma vergo (ĝuste inter la du partoj okazas la flekso). |
| Resumo: El la du proponitaj verboj taŭgas „fleksi“ kaj ties derivaĵoj (20) fleksostablo, (21) ŝtalfleksisto kaj (77) vergofleksilo. La germana *Biegeeisen* ne estas tradukinda per „ferfleksilo“, ĉar ne temas pri feraj, sed pri ŝtalaj armaj vergoj. La formo „ŝtalfleksilo“ estas malpli preciza ol „vergofleksilo“. | |

**22 – Handeisenschere**. B. Ĉupin: ĉizojo de armaturo.

**25 – Trennwand**. B. Ĉupin: apartiga vando.

**27** – **Schmalspurbahn**. H. Hoffmann (IFEF) konfirmis „etŝpura trako“ laŭ RailLexic 09761. B. Ĉupin, F.v.M. kaj Đ. Obradović konfirmis akcepton de „etŝpura trako“.

**28** – **Kipplore**. H. Hoffmann (IFEF) proponas „baskulebla varvagoneto“ laŭ 09996 kaj 10182. Ni akceptu. B. Ĉupin kaj F.v.M. anoncis la akcepton.

**40** – **Bremsschuh**. H. Hoffmann (IFEF) informis nin: Objekto, kiun oni metas sur relon por bremsi / haltigi, estas 07872 „relŝuo (ranĝado)“. Objekto fiksita ĉe veturilo, por mekanike bremse efiki al rado, estas 07875 „bremsbloko (premaera bremso)“. – Por nia n-ro 40 do validas relŝuo. B. Ĉupin: haltiga ŝuo, sed supozeble li ne kontraŭstaras la rekomendon de IFEF – relŝuo. Fabien anoncis preferon de „bremsbloko“, sed tiu evidente ne kongruas kun la bildo.

**48, 49 – Längsriegel, Querriegel**. B. Ĉupin akceptas: longverso, traverso.

**51 – Verstrebung**. B. Ĉupin kaj Đ. Obradović: ventoŝtrebo. WE: event. estus preskaŭsinonime aplikebla: venta stabiliga ŝtrebo laŭ T 35 - 271/25.

**57 – Traverse**. B. Ĉupin: slaba ŝelaĵbalko. F.v.M.: Balko de slaboŝelaĵo. WE: Eichholz kaj Horváth uzis „solivo“, sed la koneksa trabo nepre ne estas solivo (tekta trabo), ĝi ja konsistigas subportan sistemon de slabo-ŝelaĵo. La propono de Fabien estas logika, temas ja pri balko (trabeto) portanta la ŝelaĵon por muldota betonmiksaĵo de slabo.

**62 – Knagge**. F.v.M.: Mi pretervidis la signifon bari kaj senmovigi de «blok/». Nun mi konsentas pri «blokpeco». Por la nomo blokpeco voĉdonis ankaŭ B. Ĉupin.

**63 – Kopfbug**. B. Ĉupin: ventostego. Ankaŭ F.v.M. elektas: stego. WE: Jes, stego esprimas la funkcion: kunligas du flankojn de objekto por plifortigi ilin, fiksi ilin en nevaria pozicio… stego precipe kontraŭ-staras fortojn, kiuj misformus la objekton (laŭ PIV). En la sistemo de tegmenta trabaro – ĉevro – tiuj ĉi stegoj metitaj ambaŭflanke de fostoj, pozicie sub patno, stabiligas la trabaron laŭlonge de la tegmento kontraŭ horizontalaj fortoj inkluzive de vento. La [fosto-patna] stego nepre ne estas lato, sed segligno kiel trabeto aŭ prismo. Ni ne nomu ĝin ŝtrebo.

**64 – Langschwelle**. B. Ĉupin: longŝpalo de ŝelflanko. Ankaŭ F.v.M. elektis: longŝpalo. WE: la trabo ne nur tenas kaj firmigas, ĝi laŭlonge de la flanka ŝeltabulo garantias la ebenecon (rektecon) de la ŝelaĵo, tiu funkcio karakterizas ŝpalojn. Mi aldonas, ke la horizontalajn fortojn kaŭzotajn de betonmiksaĵo ne portos la longŝpalo, sed la streĉdratoj (66).

**65 – Lasche**. B. Ĉupin kaj F.v.M. elektis: kverlato. La lato(j) aŭ breto(j) kunligas unuopajn bretojn de la ŝeltabulo (55), angloj ĝin nomas *ledge*, *batten* aŭ *accouplement*. Plej ofte ĝi estas orientita orte al kunligataj elementoj.

**74 – geschraubte Rahmenholz**. B. Ĉupin: ŝraŭbita fram-ligno. F.v.M. proponas: bolte ligita ligna framo. WE: En la angla mi trovas simplan nomindikon: *bolted connection*. Cetere, ankaŭ la germana terminaro por la objekto enhavas: *Bolzenverbindung*. Mi opinias, ke ne estas necese indiki la objekton de ligo (*Rahmenholz* resp. *Holzrahmen*). Eble sufiĉas: bolta kunligo (de fram-lignoj).

**76 – Schalbrett**. B. Ĉupin: ŝelaĵa breto.

**77 – Biegeeisen**. B. Ĉupin: vergofleksilo.

**83 – Betonstampfer**. B. Ĉupin: betonramo.

**84 – Probewürfelform**. B. Ĉupin: provkuba formo. F.v.M.: Laŭ mi «provkuba formo» ne tute taŭgas ĉi tie. Mi evitas uzi «formon» anstataŭ «muldilo», malgraŭ uzanco. WE: Mi ne kontraŭstaras „muldilon". Angloj diras: *cubical test piece mould*. Ĉu „provkuba muldilo", provkuba formo aŭ „kuba provmuldilo"? Miaopinie la kubo estas prova, ne muldilo.

**88 – Betoninnenrüttler**. B. Ĉupin: merga vibratoro. WE: Ni evitu la sufiksoidon -adoro de Eichholz.

**La temo 38 – Traverso, longverso**. B. Ĉupin voĉdonis por traverso, longverso (li: tute taŭgas). Đ. Obradović subtenis kverbalkon kaj longbalkon. F. van Mook: Ĉu la kontraŭa formo de «kver/» estu «long/»? Mi konsideras larĝon kiel ian kontraŭon de longo, kaj ke «kver/» signifas «laŭlarĝa». Simetriaj ebloj: a) travers/ – longvers/, b) laŭlarĝa – laŭlonga, c) kver/ – L/. Tial mi serĉis formon por «L/»: «len/», «leng/», «lonĝ/», «lung/» aŭ ...? Pri «longerono» mi ne tute certas, sed mi inklinas lasi ĝin kiel unuopan nomon por fuzelaĝoj kaj aliaj tubecaj, rondaj korpoj. Cetere, mi ankoraŭ ne malakceptis la paron «travers'» & «longvers'»; mi nun provizore preferas «kver'» & «L'». Ĉu ni devas elekti el ambaŭ paroj? WE: Nia tasko estas elekti el ĉiuj variantoj. K.V.: „Traverso" ŝajnas al mi sufiĉe internacia, do mi ne bezonas enkonduki pluajn terminojn. WE: Evidente K.V. konsentas kun mia difino de traverso, sed la problemo daŭras: Ĉu longverso / traverso aŭ longbalko / kverbalko? Aŭ?

**La temo 39 – Distingi dom-angulojn**. B. Ĉupin: Mi konsentas kun la kolego P. Grollemund. La terminoj „ekstera defluila angulo" kaj „interna defluila angulo" estas bone kompreneblaj kaj facile memorfikseblaj. Por kio vi parolas pri anguloj ĝis 360°? Kiam temas pri konstruaĵoj, la anguloj povas esti ne pli ol 180°. WE: Mi devas rezoni al B. Ĉupin, li kaj P. Grollemund vidas malĝuste la aferon de „ekstera kaj interna anguloj", ĉar ĉiam ni konsideras nur la eksterajn angulojn, t.e. angulojn (vidpunkto kaj vortesprimo laŭ PIV) kiam renkontiĝas du fasadoj (A – elstara eĝo; B – kava loko), per geometria formulo: limi angulon (de: *Winkel einschliessen*). La ilustraĵo en KF 25 montras la eksterajn angulojn: A – konveksa, transobtuza; B – orta kaj obtuza. B. Ĉupin malpravas, ĉar akuta, orta kaj obtuza anguloj estas malpli grandaj ol 180° kaj ĉe konstruaĵoj ili aperas. Alia vidpunkto povas sekvi internajn angulojn, t.e. angulojn orientitajn al la interno de domkonturoj. Sed miksi ambaŭ vidpunktojn en unu klasadon estus neserioza maniero.

F. van Mook: Malgraŭ la de vi vidata tendenco pri malvasteco en la signifo de «angulo», mi inklinas emfazi ties matematikan signifon, do ties abstraktan, pli ĝeneralan signifon. Tial mi preferas kaj proponas rezervi la nomon «angulo» por supernocio de la nocioj A kaj B kaj elekti du malsamajn nomojn por la nocioj A kaj B. «Kornon» mi ĉi rilate ne konsilas pro ties multaj signifoj. Ekzemple: A kornero, B noko (el la angla *nook*). WE: Mi invitas la gekolegojn la proponon komenti.

K.V.: Kial ne konvenus la terminoj „elstara defluilo" kaj „kava defluilo"? WE: Defluilo estas linia produkto, tial ĝi ne povas signifi la nocion de «angulo», des malpli diferencigi la du specojn montritajn per la ilustraĵo en KF 25. La serĉataj terminoj devas esprimi angulan (dubrakan) produkton de defluilo rilate al domeĝo (A) kaj rilate al domangulo malpli granda ol 180° (B). La produkto kun brakoj longaj 0,5 m estas antaŭfabrikata en ladista metiejo. Prilaborante plu mian verkon pri ladista metio min provizore trovis la solvon: «domeĝa defluila segmento» kaj «domangula defluila segmento». La defluil-segmentoj estas produktoj. – Sian opinion esprimis ankaŭ Đ. Obradović: krest-defluilo kaj val-defluilo. WE: Konfuzigaj proponoj.

**La temo 40 – Ladista foldo.** La kolego Pierre Grollemund plu insistas pri FALDO kaj malakceptas FOLDON, ĉar ĝi liaopinie estas nur lignaĵista termino, kvankam mi en KF 25 (paĝo 167) elnombris kelkajn kromajn aplikojn, interalie el EBV (Duden) de Rüdiger Eicholz, iama estro de Terminologia centro de ISAE. Sed antaŭ nova elnombro de diversfakaj aplikoj de la termino foldo, mi prezentas etimologian sondon en la problemon de „foldo-faldo":

En etimologiaj vortaroj mi trovis, ke faldo kaj foldo havas komunan originon en la malnovgermana verbo *valde* (koneksa al: plekti), el kiu evoluis *faltan* kaj *falten*, samtempe en la malnova angla *faldan* – ambaŭ en la senco „faldi". La nuntempaj versioj estas (de) *falten* kaj (en) *fold*. La germana verbo signifas

faldi, *(haŭton)* sulkigi, *(manojn)* interplekti, kunplekti, *(ion platan duoble aŭ pluroble)* faldi. La substantiva formo *Falte* estas faldo; falto; *(geologia)* falto. Sed konsciu, ke *Falte* ne signifas ladistan foldon, tiun germanoj nomas *Falz* (*Doppelfalz*, *stehender Falz*, *liegender Falz*, *Wulstfalz*, *Wasserfalz*). La esperanta termino FOLDO laŭforme originas en la angla *fold*, kiu estas substantivo kaj ankaŭ verbo. La verbo *fold* signifas: a) kunmeti, enigi; faldi (ekz. tolaĵon); paki, kunpaki; kraŝi. Ankaŭ la angla *fold* ne signifas ladistan foldon, tiu estas *seam*. Tamen estas necese respekti la jam kodigitajn esperantajn formojn. Ne trovante FALDON nocie adekvata, mi devas insisti pri la samorigina substantivkaraktera FOLDO, kiu ne estas nur lignaĵista esprimo, kiel rezonas Pierre Grollemund. Jen la detala supervido pri foldoj:

a) En maŝinfako laŭ NPIV: Longforma entranĉo en piŝto por enmeti ringojn. – Ĝenerale en maŝinfako: Foldo estas laŭlonga aŭ transversa „kanelo" sur la ekstera aŭ interna surfaco de maŝin-komponanto. Teĥnikaj normoj preskribas foldojn por laŭlongaj kejloj kaj langoj sur ŝaftoj kaj naboj (aksingoj). Transversaj foldoj estas uzataj por komponantoj kun ekstera aŭ interna helico (*run-out of thread*). Foldoj en la formo T servas por fiksado de laborpecoj en prilaboraj maŝinoj.
b) Ĉe tubaj var-duktoj foldo estas uzata kiel cirkla kava ringo en la flanĝosurfacoj (por ŝtopringo).
c) En lignoindustrio foldo estas „kanelo" farata per frezkapo en rabotmaŝinoj en laŭlonga direkto de breto aŭ dilo. Tiu operacio identas en la fakoj konstrua kaj mebla.
d) En paperindustrio oni „foldas" (provizas per foldo) kartonon per enpremo de „sulketo" por faciligi fleksadon de kartono, tiel oni eliminas rompodifekton en la loko de flekso.
e) En la ceramika industrio estas fabrikataj unu- kaj du-foldaj tegoloj.
f) En la industrio de sporta ilaro oni ekipas skiojn per gvidfoldoj.

Ripete mi notas, ke faldo ne estas foldo, ĉar faldo kiel verba substantivo signifas foldadon, t.e. *n*-oblan fleksadon de tuko, papero aŭ de io ajn maldika, do ankaŭ de lado. Faldo ne estas nur la linia flekso je 180° mem, sed la tuta procedo, krome la flekso estas tie ĉi geometrie nedeterminita, dum la ladista foldo jes.



Mi ne devigas la kolegon P.G. cedi, sed rekonsideri la problemon. Same agu la ceteraj KF-anoj. Provu konsciiĝi ekzemple pri diferenco de la verboj fleksi kaj faldi. Jen PIV pri fleksi: **Fleksi** (ekz. arman vergon) **signifas**, analogie laŭ la anatomiaj elementoj, **falde proksimigi unu al la alia partojn** (ekz. de arma vergo) (ĝuste inter la du al si reciproke turnitaj partoj okazas la flekso). Aserti, ke „faldo = kava spaco inter du elstaraj partoj de io faldita" (la aserto de P.G.), montras nekomprenon de la nocio „faldi". Faldita kurteno ne pruvas, ke ĉiu faldado okazas tiel. Lozaj faldoj ja aperas ankaŭ ĉe plisado aŭ krispigitaj kolumo, manumo.

En la apuda figuro maldekstre kaj meze estas duobl(ig)a kaj kvarobl(ig)a faldoj, dekstre estas plurobla faldaĵo, tiel estas faldataj ekzemple turismaj prospektoj. Faldo estas nomindiko de ĝenerala nocio esprimita per la difino: „Ago faldi, t.e. (laŭ PIV) duobl(ig)e aŭ plurobl(ig)e fleksi tukon, paperon kaj ĝenerale ion maldikan, almetante unu sur alian la diversajn fleksitaĵojn." PIV referencas al vorto(j) apartenanta(j) al la sama semantika kampo: *falti*, *plisi*, *krispigi*. Laŭ ilia modelo PIV atribuas al „faldo" lozan (nefirman) sencon en la ekzemploj: faldoj de pordokurteno, faldo en la ŝtofo, faldoj de ĉifita vesto. Estas necese konscii, ke tiu ĉi evento estas laika „transigita signifo", estigita per similigo (metaforo) de la baza signifo, aŭ surbaze de konekso (metonimio). En la donitaj limoj la nociotransigo estas ebla, sed la lozaj faldoj de teksaĵo ne povas esti modelo por rigida formo de ladista foldo (en aliaj fakoj proksimas: sulko, kanelo, kava ringo).

Meze de decembro mi sendis al P.G. la pliparton de la supra rezona teksto kaj la 26-an de decembro li respondis jene (post unuopaj ideoj mi enmetas mian rezonon):

P.G.: Pri la temo „Faldo / foldo" mi ne volas polemiki, sed mi insistas en la ĝenerala konsidero, ke foldo konsistas en io kava. Neniam prilaborante ladon, oni „kavas" ion – estus maleble pro la maldikeco kaj tre malfacile! Sed, jes ja per mano aŭ maŝino oni fleksas, kaj faldas! Fleksita, faldita lado neniel estas kava!

J.W.: Foldon ne eblas pretigi mane, sed en ladista fleksmaŝino. Paralelaj branĉoj de lada foldo en laborprocedo neniam sin strikte intertuŝas, inter ili **devas esti** aertavolo. La radiuso de foldo-flekso estas 2,5 ĝis 3,0 mm. Sole la foldoj de lada tegmenta kovraĵo en fina laborfazo estas martelbate kunpremataj kaj tiel ŝtopataj kontraŭ pluvakvo. Escepte grava estas aperteco de akvofoldoj. Faldo estus tute nefunkcia, dum foldo laŭ la difino en PIV (*foldi: provizi per foldo, kiu estas longforma entranĉo en malmola materialo, ordinare destinita por enŝovi ion en ĝin*). La vorto „entranĉo" estu komprenata en neteĥnologia senco kiel sulko, ĉar la foldon oni ofte ne tranĉas, sed frezas, premformas, ladisto en fleksmaŝino ĝin fleksas.

P.G.: La konsiderojn pri etimologio mi konsideras iom superfluaj, kvankam ili preskaŭ konstante rilatas al kavaj aĵoj! Pri la gramatikaj konsideroj, mi taksas ilin nur plia argumento, kontraŭdirita de PIV mem.

J.W.: Instruita terminologo ne laboras **a**) sen analizo terminologia, kiu implicas ankaŭ la etimologion kaj **b**) sen analizo de gramatika formo. Ambaŭ estas esencaj principoj de terminologia laboro.

P.G.: Mi legas en mia PIV, eldono1981: **foldo** : 1 Longforma entranĉo... 2 **foldi** = provizi per foldo, kaj **enfoldigi** = enloki *enĉizitan* pecon en foldon. Neniam estas lado „enĉizita"!!

J.W.: PIV parolas pri „entranĉo", sed mi jam supre diris, ke tio estas eraro, ĉar foldoj estas farataj per diversaj teĥnologioj. Ladon oni fleksas, tion vi certe scias. Eĉ Biblion ne eblas kompreni laŭvorte, des malpli PIVon. Krome ĉe „enfoldigi" vi mise citis „enloki enĉizitan pecon". „Enĉizita peco" ne estas imagebla. En PIV estas dirite „enloki langhavan pecon". Ĉe muntado de lada kovraĵo oni en foldon de unu ladotabulo enlokas langhavan foldorandon de najbara lado, du foldoj kuniĝas kiel unu stara lada tegmenta foldo.

P.G.: **Faldi**: 1 verbo transitiva. 2 **faldo** = kava spaco inter du elstaraj partoj de io faldita. Ekzemplo de Zamenhof mem "*la pezaj faldoj de la pordo kurteno*". Do, faldo povas esti objekto kiu rezultas el la ago „faldado". Mi ne volas esti trudema, sed mi provas bazi miajn pripensojn sur la labor-gestoj kaj -agoj. Plurfoje, mi kaj kolegoj tegmentistoj observis, ke ekzistas similaj konceptoj inter ladistoj kaj kudristoj, jes ja, ne nur en la ago „faldado" ankaŭ en aliaj agoj, ekzemple kiam oni aldonas pecon da ŝtofo aŭ da lado: la kudristo kudros, la ladisto lutos, sed en la koncepto kaj desegnado, la cerbo funkcias sam-maniere.

J.W.: Vi denove manipulas la realon. Faldo ne estas la kava spaco. Laŭ PIV: faldo estas unuavice „ago faldi", nur poste „ties rezulto, t.e. kava spaco inter du elstaraj partoj de io faldita. Supre mi menciis pri „terminologia analizo", kiu distingas la bazan signifon (faldoj montritaj en la supraj bildigoj) kaj la „transportitan signifon", kiu estas sekundara – faldoj de loze pendanta teksaĵo, plisoj kaj krispoj ĉe vestoj. Samniveligi rigidan ladon kun mola kaj elasta teksaĵo estas faro neebla en terminologio.

P.G.: Kara Jan, kial vi mem ne volas rekonsideri vian opinion ? Ĉu devige nur vi pravas?

J.W.: Ĉion mi nove kaj nove rekonsideras. Kaze de ies dilemo „foldo-faldo" ĉiu mia nova rekonsidero min konvinkas, ke faldo de lado (t.e. simpla flekso) ne povas funkcii kiel ladista foldo. Via dua frazo pri „pravo" estas nedeca. Pravon oni devas argumente pruvi; pravon ne eblas eldevigi. ---

La diskuton ni fermu, P.G. kiel tegmentisto-ladisto por la diskutata speciala flekso uzados la nomindikon „faldo", mi en la kompilaĵo nomota *Ladistaj produktoj en konstruado* konservos mian „foldon". La temo 40 restas nedecidita. Mi ankoraŭ aldonas, ke por la versio foldo favore voĉdonis: Bronislav Ĉupin, Đ. Obradović, Claude Longue-Epeé, Milan Neubeler.

**La temo 41 – Segitaj lignopecoj, segligno**. F.v.M.: La superrigardo (en KF 25) estas interesa. Sed sen difinoj (kaj mezuroj) mi ne povas bone juĝi ĝin. Krome, ĉu en ĉiuj lingvoj oni vere celas la same grandan kaj same formitan lignopecon per la nomoj, kiuj aperas en horizontala vico? Ĉu tabula segligno ne estas eĝ(iz)ita? Mi tre miras pri la apero de «balko» en la tabelo; mi ja konsideras ĝin funkcia nomo. Daŭre al mi tre malplaĉas la uzo de «breto» ĉi tie. Mi preferas, ke breto restu funkcia nomo (por surmeti, stoki aferojn), kaj ne nomo de ligna formo. Se ni transprenos la triopon *Brett – Bohle – Schwarte* ankaŭ en Esperanton, mi verŝajne proponos por *Brett* la neologismon planĉo aŭ desko. La vorton tabulo ankaŭ mi inklinas eviti ĉi tie, kaj rezervi por „pli plataj elementoj", ekzemple gipskartona tabulo, lignerfaska tabulo, ktp. WE notas:

a) Difinoj aldonendas nur post formulo de nocio-sistemo. Dimensioj laŭ naciaj teritorioj supozeble iom varios, ne estas eble ilin fiksi precize, tamen proksimumaj dimensioj utilos. Oni povas konjekti ankaŭ, ke iu nacia lingvo iun tabelan nocion kaj nomon malhavas.
b) Tabula ligno estas eĝita kaj ankaŭ seneĝa. Trunkrando estas seneĝa. En la linio „eĝita segligno" ni vastigu la nomon al „netabula eĝita segligno".
c) Balkon ni do eliminu, en la kategorio de fleksata netabula segligno estu nur trabo.
d) Breto en la germana (*Brett*) estas nomo de segita lignospeco, en ceteraj lingvoj ĝi havas ekvivalentojn, ankaŭ Esperanto devas havi ekvivalenton de *Brett*, „tabulo" ja prezentas aron da nocioj! Tion vi konscias. Se vi proponos la nomon „planĉo" (el kiu lingvo?) aŭ la slavan „desko", ni traktu ilin. Pri la bezono havi ekvivalentojn por la supre menciitaj *Brett – Bohle – Schwarte* mi ne dubas.
e) Vi samopinias, ke „tabulo" estas plata elemento, kies dimensioj longo kaj larĝo estas grave pli grandaj ol diko, speco de materialo en la nocio tabulo estas neniel montrita, nek kaŝita.
f) Pri la temo 41 ni devas diskuti plu, mi petas ĉiujn KF-anojn esprimi sin pri la punktoj a) ĝis e).

**La temo 42 – EBV Duden 273 – ĉarpentisto**. La temon komentis B.Ĉ. (Bronislav Ĉupin, F.v.M. (Fabien van Mook), C.L. (Claude Longue Epée), K.V. (Karel Votoček), H.J. (Horváth József).

Akceptitaj estas la nomoj aperintaj en ĉiuj tri versioj (Eichholz, Horváth, Werner): 3, 6, 12, 13, 20, 25, 27, 29, 30, 35, 37, 46, 47, 51, 52, 62, 63, 64, 67, 71, 72, 73, 74, 75, 77, 78, 79, 80, 90. F.v.M. proponas, ke

estu akceptitaj ankaŭ la nomoj same traktitaj de Horváth kaj Werner: 10, 17, 21, 38, 48, 56, 57, 76, 84, 87, 88. F.v.M. proponas, ke estu akceptitaj la nomoj proponitaj de Werner: 2, 5, 14, 15, 16, 28, 31, 32, 40, 41, 42, 45, 50, 53, 54, 55, 58, 59, 60, 65, 66, 70, 81, 82, 83, 86, 92.

B. Ĉupin preferas la terminojn: a) laŭ Eichholz: 10, 11,14; b) laŭ Horváth: 1, 4, 5, 9, 18-20, 22-24, 31, 32, 39, 41-44, 68, 69; laŭ Werner: 2, 3, 6-8, 12, 13,m 15-17, 21, 25-30, 33-38, 40, 45-67, 70-96.

**1 – Bretterstapel**. B. Ĉupin: tabulstako. F.v.M.: dila stako. WE: Ne, en la stako ne estas diloj! C.L.: preferis „stako da tabuloj“, nove li aprobis: stako da bretoj. WE interkonsente kun H.J.: Mi ne konsentas kun la prepozicio da, ĉar la indiko ne celas kvanton, sed kvaliton de la stako: stako de bretoj. Imagu demandon: Kiom da bretoj? Respondo: Stako da bretoj. Kio konsistigas la stakon? Bretoj. (Bretoj prezentas la kvaliton de la stako.) Sekve: Stako de bretoj.

**2 – Langholz**. H.J.: Eble trunko, sed sen arbo-. Arbotrunko estas la vivanta trunko.WE: Trunko apartenanta ĉu al vivanta, ĉu al morta subjekto, ĉiam ĝi restas trunko. Por montri apartenon de trunko oni devas ĝin iel determini, en kunmetita vorto per flanka elemento, ekz. „arbo-trunko“. Ĉar *Holz* prezentas kvanton nedifinitan kaj la bildo montras aron, ĝustas la plurala arbotrunkoj. B.Ĉ. kaj F.v.M.: arbotrunkoj.

**5 – Werkstatttor**. B.Ĉ., C.L., K.V.: Ĉarpenteja pordego. WE: Sed ni sekvu la germanan fonton, tiun ni ja tradukas: *Werkstatttor – Tor* (pordego), *Werkstatt* (metiejo, laborejo), kune: metieja pordego. F.v.M.: metieja pordego.

**7. – Dachstuhl**. B.Ĉ., H.J. konsentas kun ĉevro. F.v.M.: ĉevro; sed ĉevrono ne estas derivaĵo de ĉevro! WE notas: Mi aktualigis la terminon en la prologa fejetono en *Jarkolekto de TAKE 2010*. Supozeble unue publicis la nomon M. C. Butler en Esperanta-Angla Vortaro (1967) en la senco „ĉarpentoligno“.

**8 – Richtbaum mit derRichtkrone**. C.L: (laborfina) kronbukedo (laŭfranca traduko) – WE: Dankon, interesa informo – ni diskutu pri rezulta ekvivalento esperanta. H.J. (2011-01-07): Temas pri pli ol bukedo. Mi restas ĉe „kronarbeto“ (kun la aldona klarigo: por festi la pretiĝon de kruda konstruaĵo). Alia propono: laborkrona arbeto. F.v.M. ne konas la tradicion, en Nederlando oni festas la atingon de la plej alta domparto per flago sur la tegmento kaj per drinkado. Ĉu «laborfina krono» ne sufiĉas? Akcepto de «kronarbeto».

**9 – Bretterschalung**. B.Ĉ., C.L.: Tabulmuro. WE: Ne, ne temas ja pri muro el tabuloj, sed pri garnaĵo el tabuloj / bretoj (*revêtement*, *garnissage*). Malantaŭ la garnaĵo estas probable muro, sed tiu ne estas en la nomo menciita. – F.v.M. ne sukcesis elekti.

**11 – Reißbühne**. B.Ĉ., C.L.: Laborplatformo. WE: Sed kiu estas tiu laboro? *Reiß-*, *Schnür-*, temas pri desegnado, mezurado, strekado cele por en la sekvanta fazo segi elementojn por la celata ĉarpentista konstrukto. En la germana lingvo *Reißbühne*, *Reißboden* signifas „ĉarpentista platformo“ (por mezurado ktp.). Ĉu ni interkonsentu pri: ĉarpentista platformo? H.J. (2011-01-07): Ĉarpentistoj faras diversajn laborojn, ĉi-okaze temas pri desegnado, markado, strekado, do ni restu ĉe „desegna platformo“.

**14 – Ablängsäge**. C.L.: Dumana ĉensegilo. WE: Pri tiu versio mi konsentas. Aŭ ĉu duperesona ĉensegilo (laŭ E. D. Krause)? H.J.: „Kversegilo pravas, sed… tro ĝenerala por dispartigi trunkojn en pli mallongajn pecojn, ofte laŭ mezuro.“ WE: France: *tronçonneuse*, *scie à tronçonner*. Germane ankaŭ: *Abkürzmaschine*. Ĉu „trunksegilo“ aŭ „kurtiga segilo“? H.J. (2011-01-07): Pri „trunksegilo“ (trunkosegilo) mi konsentas. „Kurtiga segilo“ estas tro ĝenerala, ekz. laton oni ne kurtigas per trunkosegilo.

**18 – Auflagerbock**. B.Ĉ., C.L.: Segostablo. WE: *(Aŭflager)bock* estas en Eo stablo aŭ boko (en PIV segboko). *Auflagern* = surmeti. Miaopinie ne estas necese la agon „surmeti“ esprimi, ĉar sur ĉiu stablo ja okazas iu laboro kaj oni ĉiam sur la stablon ion surmetas. Ni lasu nur: stablo. – H.J.: Ĉu ne boko, kiel jam proponita „boka skafaldo“? Bokon uzas, krom la germana, ankaŭ la lingvoj ĉeĥa, rusa, hungara, rumana, itala. Certe en la angla: *trestle*; la franca: *tréteau*. – WE ne kontraŭstaras bokon. F.v.M.: Mankas al mi difino de «tresto» kaj origino de la neologismo. WE: tresto = (angla) *trestle*; enkondukis ĝin kiel neologismon R. Eichholz en Esperanta Bildvortaro (Duden), eld. 1988, en la bildkompleksoj: 53, 65, 115, 117, 121, 130, 144, 198, 210, 279, 321. La apliko estis tre vasta, en pluraj fakoj. Mi ne serĉis, en kiuj vortaroj ĝi troviĝas, sed en la novaj vortaroj por ĉeĥoj kaj germanoj enhavas ĝin. E. D. Krause (1999): trest|o **1**. [Unter-] Gestell *od* Gerüst *n*, [Auflager-] Bock *m z.B. für Stämme beim Holzsägen* **2**. Brückenjoch *n*.

**19 – aufgebockte Balken**. B.Ĉ., C.L.: Surstabligita trabo; surstabla trabo. WE: Jes.

**22 – Dübelloch**. WE: F.v.M. elektis „stiftotruo“ laŭ H.J. Sed konsciu, ke *Dübel* estas dubelo, ne stifto!

**23 – angerissene Dübelloch**. WE: F.v.M. rajtas diri: „Ŝajnas al mi, ke temas pri truoj por stiftoj kaj ne por dubeloj.“ Pri la (ŝajna) malakordo inter la bildo kaj la nomo kulpas la aŭtoroj de Duden. Sed ni prefere traduku la fontan germanan terminon: markita dubeltruo, aŭ marko por dubeltruo.

**24 – Abbund** – WE: la vorto iom malfacile tradukebla, miaopinie: [inter]ligo, kunligo, ankaŭ aro de objektoj apartenantaj al unu tuto: ensemblo, ĉi tie trab-ensemblo, trab-stako, trabaro. Diskutinda temo.

**26 – Zwischenriegel**. H.J.: WE misvidas ĝin, ĝi ne disigas tavolojn. Ĝi estas girto en frama konstrukto, kiel vi proponas en KoFo 2. – H.J. aldone notis 2011-01-07: Ĝi ne kuŝas inter tavoloj, rimarku la

tenonon en ĝia libera fino, la nevidebla estas jam juntita. WE poste rerigardis la bildon kaj eksplikas: Temas pri miskompreno inter H.J. kaj mi, kaŭzita pro iom neklara bildo – la transversa prismeto (26) kvazaŭ kolizias kun la laŭlonge samnivele kuŝantaj traboj. La samnivelecon pruvas la lignoj (25) kaj (27). La fakto rezultigas, ke la apudaj laŭlongaj traboj en la supra tavolo per sia ekstremo finiĝas apud (antaŭ) la diskutata ligno (26 – *Zwischenriegel*). En tiu kazo la lignopeco (26) estas girto, kiel deklaras H.J. En la germana terminaro *Riegel* kaj *Zwischenriegel* estas tro ĝeneralaj vortoj, multsignifaj, tamen uzeblaj ankaŭ por girto. Alia germana termino por girto estas *Querholz*, sed ankaŭ tiu estas ambigua. Plej preciza germana termino por girto en trabfaka vando estas *Fachwandriegel*. Mi konfesas, ke erarigis min la du cifere nemarkitaj lignoj desegnitaj inter la trab-tavoloj proksime al la dekstra flanko de la stako. Ili estas ankaŭ kun tenonoj, evidente ili apartenas al la apude muntata trabfaka konstrukto, ili vere ne estas latoj, kiel mi deklaris en mia traduko. „Distanc-lato“ (aŭ interlato) estas en la germana terminaro: *Stapellatte*, *Stapelleiste*. Ni do interkonsentu pri (26): girto. F.v.M. rimarkigis: La nederlanda *regel* estas konstruista termino por horizontala elemento en framo, kadro k.s… la germana *Zwischenriegel* ankaŭ indikas ion horizontalan. WE: La germana *Riegel*, ankaŭ *Querriegel* en frama strukturo estas horizontala stabiliga elemento (trabo ambaŭflanke enfiksita en fram-nodoj), kiu rezistas turniĝon de la fram-nodoj kaj sekve kliniĝon de la strukturo sub premo de horizontalaj fortoj. Tiu ĉi elemento estu riglilo aŭ riglobalko. Nia *Zwischenriegel* estu girto, interkonsentita en la Temo 3. (KF 2-4.)

**29 – Hauswand**. C.L.: Dommuro. WE: La saman signifon havas „muro de domo“ kaj „doma muro“. Kiun version elekti? H.J. (2011-01-07): En literaturaĵo mi uzus „dommuro“, en terminaro, kie terminoj interrilatas, mi uzus „doma“ (ŝtona, brika, urba, kaja, defenda…). Doma muro.

**33 – Sohlbank**. C.L.: Fenestrobreto. WE: *Sohlbank* = subfenestra tabulo / plato / (benko), sed ekstere la plato ne povas esti ligna, do ne temas pri breto. Sojlo kiel kubutilo (H.J.) ne estas ekstere sur masonita fenestra parapeto. H.J.: Ne temas pri parapeto (iaspeca sekuriga barilo), sed pri ladgarnita breto antaŭ fenestro. – WE: H.J. pravas, *Sohlbank* ne estas parapeto, sed antaŭfenestra ekstera plato, kiu estas veterrezista, ekzemple betona, ceramika, metala (lada). Por ekstere ŝirmi la subfenestran parapeton oni ofte uzas „ladan listelon**“** najlitan al la fenestra kadro kaj en la fasada ebeno ankritan per drataj alfiksiloj en masonaĵon. La nomon *Sohlbank* oni povas traduki: sojlo de fenestro, fenestrosojlo. Ankaŭ laŭ F.v.M.

**34 – Ringanker**. F.v.M.: Etaĝkronaĵo? WE: Nivele de tektoj. Legu la komenton ĉe **58** – *Rähm*.

**36 – Laufdielen**. F.m.M.: planka dilo. WE: Ne temas pri planko, sed nur pri diloj por irado.

**39 – Wandbalken**. B.Ĉ.: vandotrabo. C.L.: Subvanda trabo. K.V.: Murporta solivo. WE: Pli gravas la bildo kaj la faka scio ol la fonta germana nomo. Se oni parolas pri muro aŭ ĝenerale pri masiva (brika) vando, kutime temas pri porta konstruemento, masonaĵo, kiu estas neniam (!) portata de ligna trabo. Post jaroj la trabo perdas (originan) plenan portkapablon, okazus ties rompiĝo. Muroj (masivaj vandoj) komenciĝas sur fundamento. Maldikaj kaj malpezaj (kav)brikaj septoj escepte staras sur ligna trabo, tio estas nia kazo vidata sur la bildo. Sed alte kvalifikita projektanto la masonitan septon starigas sur ŝtalan trabon, kaŝitan en la tekto. Rezulte ni interkonsentu, ke ne temas pri subvanda trabo, nek pri murporta solivo,sed pri: subsepta trabo.

**41 – Wechsel**. C.L.: Ĉeftrabo. WE: Ne temas pri iu ĉefa trabo, sed pri helpa mallonga trabo apud kamentuba masonaĵo. Por tiu kazo ni jam en KF interkonsentis pri vicbalko (victrabo) (vidu la temon 26).

**43**. – **Zwischenboden**. B.Ĉ., C.L.: Interplank(aĵ)o. F.v.M.: intersoliva dilaĵo. WE: Ne temas pri plankaĵo, ĉar la mallongaj bretoj (tabuloj, ne diloj) kuŝas inter solivoj, en la spaco de tekto. Planka tavolaro ja ĉiam estas super tekto. Sed mi konfesas, ke por la termino *Zwischenboden*, *Einschubdecke* kaj la parenca *Sturzboden*, *Fehlboden*, (ĉe ligna traba tekto) *Abdeckung*, ni devos okupiĝi aparte, esperanta ekvivalento mankas. Provizore mi rekomendas lasi intersoliva bretaĵo. Kiel opinias vi ceteraj?

**44** – **Deckenfüllung aus Koksasche, Lehm u.a.** B.Ĉ., C.L.: Planka izolaĵo. F.v.M.: intersoliva plenigaĵo. WE: Eraro en la adjektivo „planka“, ĉar la izolaĵo ne apartenas al planko, sed al tekto. Krome, la germana fonto ne signifas izolaĵon, sed ŝutaĵon. Eble ĝi povas funkcii izole, sed kiel? Varmizole? Sonizole? Fajroizole? Intersoliva plenigaĵo estus kompromisa solvo.

**49 – Schwelle**. F.v.M.: sokla ŝpalo laŭ JK 2010, p. 95. WE: La referencita ŝpalo estas ankrita al soklo, sed ĉi tie (49) estas kuŝigita (certe ankaŭ ankrita) al murkronaĵo (34) en la nivelo de tekto super teretaĝo.

**53 – Bundstiel**. C.L.: Ligofosto. WE: Ne temas pri fosto, sed pri subtila stango aŭ lato, kiu estas najlita al trabfaka ligna fosto. Ĝia celo estas stabiligi (ankri al la fosto) la brikan septon.

**54 – Strebe mit Versatz**. H.J.: Ĉu ne sufiĉas tenoni laŭ la analogio de mortezi, foldi? WE: Sufiĉas.

**58 – Rähm**. C.L. kaj K.V.: Krontrabo. WE: En trabfakaj konstruaĵoj aperas, krom horizontalaj solivoj, ankaŭ sojlaj traboj kaj ŝpaloj (vidu KF 2). Se trabo situas en porta skeleta sistemo, en la nivelo de tekto aŭ ligita kun ĝi, se la trabo plenumas la taskon kunteni la formon kaj horizontalajn dimensiojn de la konstruaĵo,

„bindi“ ĝin ankaŭ kiel zono ĉirkaŭe, ni povus uzi la determinilon „kron“ (krontrabo), la saman ideon mi havis, kiam mi uzis por la n-ro 34 *Ringanker* la nomon: murkronaĵo. Mi pretas akcepti krontrabo.

**59 – ausgemauertes Fach**. H.J.: Neniel enmasoni, tio ja signifas enfermi en masonaĵo. Masoni fakon jes… WE: H.J. pravas, povas esti plenmasonita fako.

**61 – Handsäge**. Tiu ĉi germana nomo estas tro ĝenerala kaj reale ne esprimas la desegnaĵon, kiu estas profesia lignaĵista segilo, en naciaj lingvoj nomata ofte neprecize: ekz. germane ankaŭ *Gatter*, *Gattersäge*, angle iam *frame-saw* (frama segilo), iam *bow saw* (arka segilo). Pri la nekonvena nomo *Handsäge* prave atentigis F.v.M., kiu ĝin indikis supernomo (hiperonimo) por la segiloj 61, 62 kaj 63. – H.J.: Frama segilo ne estas unusenca, ankaŭ arabeskosegilo aŭ ĝenerale metalsegiloj estas framaj. Mia propono: stega segilo, ĝi havas stegon en sia framo, kiu firmtenas la du flankovergojn de la framo. WE: La nomo stega segilo estas konvena. Kiel stegon oni povas kompreni la mezan disapogan elementon, al kies ekstremoj estas artike fiksitaj flankaj brakoj, kiuj konsistigas la streĉmeĥanismon de ŝtala segbendo.

**65 – Stangenbohrer**. H.J.: Wüster (Maŝinfaka Eo-Vortaro) kaj Haferkorn (*Technisches Wörterbuch*) proponas „stangoborilo“, sed mi ne komprenas la vorton stango en la kunmetaĵo. Mi ne certas, ĉu oni bezonas diferencigi ĝin de ceteraj ĉarpentistaj boriloj, eble vere sufiĉas [ĉarpentista] borilo. WE: La determinilo „stango“ estas vere nebezona. Por montri, ke temas pri „lignoborilo“, ne pri „metalborilo“, sufiĉas la propono de H.J.: [ĉarpentista] borilo, borilo laŭbezone precizigebla per la epiteto „ĉarpentista“.

**66 – Schraubzwinge**. H.J.: Ŝraŭbkrampo laŭ Wüster kaj Haferkorn, sed mi rekonas, ke ŝraŭbopremilo estas pli logika. WE: La mana instrumento (66) ne estas krampo laŭ formo nek laŭ celo.

**68** – **Bundsäge**. B.Ĉ., C.L. kaj F.v.M.: Duhoma segilo. WE: Bone, duhoma, sed duhomaj estas segiloj ankaŭ sub n-roj 14, 61 kaj ankaŭ la plej ofte uzata „arka segilo“. Kiel do? La segilo 68 estas germane nomata *Bundsäge*, sed ankaŭ *Schrotsäge*, *Bauchsäge*: *Schrot* (ŝroto, pistita greno), *Bauch* (ventro). E. D. Krause en lia granda de-eo vortaro havas: *Schrotsäge* = [dupersona] tirsegilo. Ĉu akcepti tiun version? – H.J.: …jes, du homoj, ne simple du manoj, tial pli logika estas: duhoma segilo. WE: Ni elektu el inter duhoma / dupersona segilo. H.J. (2011-01-07): Temas pri homoj, ne personoj kun individuaj ecoj. Sekve duhoma segilo.

**69** – **Anreißwinkel**. B.Ĉ., C.L. kaj F.v.M.: Strekortilo. H.J.: Kial desegnista ortilo? Ĉu ne ĉarpentista? Ĝi servas por transkopii, desegni angulojn. Kaj ne nur ortajn, ekzistas anguliloj kun moveblaj lateroj. Eble: anguldesegnilo, angulstrekilo. WE: Bonaj ideoj. Laŭ la germana nomo: strekangulilo. Ni eliminu „ort“ kaj enmetu „angul“ kaj decidu, ĉu unuaplane (ĉefelemente) temas pri angulilo, strekilo aŭ desegnilo; kaj ĉu necesas aldoni iun determinan vorton. El la eblaj variantoj mi elektus: angulstrekilo.

**70 – Breitbeil**. H.J.: Mi konsentas. Do larĝhakilo.

**72 – Bundaxt**. H.J.: Laŭ Wüster kaj Haferkorn morteza hakilo. WE akceptas.

**82 – Gehrungswinkel**. H.J. konsentas kun gera angulilo.

**83 – Rundstamm.** K.V.: Rondligno. WE: K.V. proponas la saman nomon kiel Eichholz uzis por la numero 2. Sed tie ĝi funkcias plurale, „rondligno“ (Langholz), „arbotrunkoj“. Male Rundstamm estas nur unu peco: arbotrunko = Stamm. En la pozicio 83 mi duavice uzis „rondligno“, sed nun, post la nova prikonsidero de la nocio, mi ne aprobas ĝin kaj konsentas pri [rond]trunko. (Trunko de arbo ĉiam estas ronda!)

**89 – Waldkante**. F.v.M. ne sukcesis elekti. Kaj vi ceteraj?

**91**, **93** – **Brett**… F.v.M. malakceptas „breto“ kaj proponas unusolan terminon por breto kaj dilo: dilo. Por (93) li proponas „kerndilo“. WE: Unu termino por ambaŭ specoj de tabula seglino estas por mi absolute neakceptebla, la propono kontraŭstaras la aktualan staton (tabulo, dilo) kaj primitivigas Esperanton konekse al la lingvoj naciaj. C.L.: Tabulo, kerntabulo, seneĝa tabulo, eĝosegita tabulo. WE: C.L. poste leginte mian analizon pri polisemio de „tabul/o“, akceptis la argumentojn kaj aprobis la malpli polisemian solvon: breto, kernobreto, seneĝa breto, eĝosegita breto. F.v.M ne akceptas «breton», vidu la temon 41 – segitaj lignopecoj. Male B.Ĉ. kaj H.J. la terminon „breto“ akceptas.

**94**, **95** – F.v.M.: Al mi plaĉas «randumi». Alternativo povus esti «eĝizi». Ĉu ni elektu inter randumita/nerandumita, eĝizita/neeĝizita kaj eĝosegita/neeĝosegita? WE: KF-anoj, bonvolu elekti. Por mi estas akceptebla la versio randumi, eĝizi estas ankaŭ nocie kaj gramatike ĝusta (paralele ankaŭ eĝigi). Mia propono eĝosegita estas ĝusta kaj logika, sed la negativa formo „neeĝosegita“ estas morfeme tro komplikita, por mi preskaŭ neakceptebla. Ni elektu formon mallongan kaj facile prononceblan, kia estas la germana *säumen*.

**96 – Schwarte**. H.J.: Laŭ WE trunkrando, sed pli sistemece estus nomi ĝin randbreto (tabula segligno, sege borderita aŭ ne). WE: Ankaŭ Eicholz havas trunkrando. Haferkorn: dorstabulo, ŝeltabul(aĉ)o. WE vidas la nomon dorstabulo (dorsbreto) nekomprenebla (kio tie estas dorso?), ŝeltabulo (ŝelbreto) akceptebla, sed la proponon de H.J. randbreto plej bone motivita. F.v.M.: (trunka) randligno.

H.J. finis la pritakson per la frazo „Pri la cetero mi konsentas laŭ la proponoj de WE.“

**Nova temo 43 – EBV Duden 274 – tegmento, lignoligoj**, (laŭ la iniciato de J. Horváth)

| | Originalo DUDEN | Rüdiger Eichholz | Horváth József | Jan Werner | ĉeĥa ekvivalento |
|---|---|---|---|---|---|
| --- | **e Dachformen und e Dachteile** | **tegmentformoj kaj tegmentpartoj** | **formoj kaj partoj de tegmentoj** | **formoj kaj partoj de tegmentoj** | **tvary a části střech** |
| 1 | s Satteldach | gablo-tegmento (du-klina tegmento) | gablotegmento aŭ duklina tegmento | duklina tegmento | sedlová střecha |
| 2 | r First | firsto | firsto | firsto | hřeben |
| 3 | r Ortgang | gablo-randa superstaraĵo | gablorando | tegmenta kantilevro | přesah střechy |
| 4 | e Traufe | tegment-rando | tegmentorando | gutrando | okap |
| 5 | r Giebel | gablo (pinjono) | gablo, pinjono | gablo | štít |




| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 6 | e Dachgaube (e Dachgaupe, r Dacherker) | tegment-fenestro kun pupitra tegmento | pupitra tegmentoluko | lukarno | vikýř |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 7 | s Pultdach | pupitra tegmento (unuklina tegmento) | duongabla aŭ unuklina tegmento | unuklina tegmento | pultová střecha |
| 8 | s Dachfenster | tegment-lukego (ateliera tegment-fenestro) | tegmentebena luko | tegmenta fenestro | střešní okno |
| 9 | r Brandgiebel | brul-rezista muro | fajroŝirma muro | fajroŝirma supermasonaĵo | protipožární nadezdívka |
| 10 | s Walmdach | grop-tegmento | groptegmento | gropa tegmento | valbová střecha |
| 11 | e Walmfläche | gropo | gropo | gropo | valba |
| 12 | r Grat (r Dachgrat) | grop-eĝo | tegmenteĝo, grop-eĝo | gropeĝo | nároží (valbové) střechy |
| 13 | e Walmgaube (e Walmgaupe) | tegment-fenestro kun grop-tegmento | luko kun groptegmento | groptegmenta lukarno | valbový vikýř |
| 14 | m Firstturm | firsto-tureto | firstoturo | firstoturo | hřebenová vížka |
| 15 | e Kehle | tegmemnt-valeto | tegmentvalo | [tegmenta] valo | úžlabí |
| 16 | s Krüppelwalmdach (s Schopfwalmdach) | gablo-tegmento kun gropeto | tegmento kun stumpa gropo | duongropa tegmento | polovalbová střecha |
| 17 | s Krüppelwalm (r Schopfwalm) | gropeto | stumpa gropo | duongropo | polovalba |
| 18 | s Mansarddach | mansarda tegmento | mansardo, mansarda tegmento | mansarda tegmento | mansardová střecha |
| 19 | s Mansardfenster | mansarda fenestro | mansarda fenestro | mansarda fenestro | mansardové okno |
| 20 | s Sägedach (s Sheddach) | seg-denta tegmento | segdenta tegmento | ŝeda tegmento | pilová / šedová střecha |
| 21 | s Oberlichtband | tegment-fenestraro | lum-lukarno | benda lumtegmento | pásový světlík |
| 22 | s Zeltdach | piramida tegmento | piramida tegmento | piramida tegmento | stanová střecha |
| 23 | e Fledermausgaube | tegment-fenestro kun kurba tegmento | okulluko | bovokula lukarno | vikýř s volským okem |
| 24 | s Kegeldach | konus-tegmento | konusa tegmento | konusa tegmento | kuželová střecha |
| 25 | e Zwiebelkuppel | bulbo-kupolo | bulbokupolo | bulba kupolo | cibulová báň |
| 26 | e Wetterfahne | vent-montrilo | ventoflago | ventoflago | korouhvička |
| --- | **e Dachkonstruktionen aus Holz (e Dachverbände)** | **lignaj tegment-ĉarpentaĵoj** | **lignaj tegmentaj ĉarpentaĵoj** | **tegmentaj lignaj konstruktoj (lignoligoj)** | **střešní dřevěné konstrukce (tesařské spoje)** |
| 27 | s Sparrendach | ĉevron-tegmento | ĉevrona tegmento | ĉevrona tegmento | krokvová střecha |
| 28 | r Sparren | ĉevrono | ĉevrono | ĉevrono | krokev |
| 29 | r Binderbalken | ‹sub›tegmenta solivo | solivo | binda trabo | vazní trám |
| 30 | e Windrispe | ‹ĉevrona› ŝtreb-‹tabul›o | ĉevrona ŝtrebo | ventoŝtrebo | podélné zavětrování |
| 31 | r Aufschiebling | malkrutiga peco | malkrutiga peco | etklinaĵo | námětek |
| 32 | e Außenwand | ekstera muro | ekstera muro | ekstera muro | obvodová zeď |
| 33 | r Balkenkopf | soliv-kapo ‹soliva elstaraĵo› | solivkapo | trabokapo | zhlaví trámu |
| 34 | s Kehlbalkendach | steg-traba tegmento | stegotraba tegmento | vertobalka tegmento | hambalková střecha |
| 35 | r Kehlbalken | ‹ĉevrona› steg-‹trab›o | stegotrabo | vertobalko | hambalek |
| 36 | r Sparren | ĉevrono | ĉevrono | ĉevrono | krokev |
| 37 | r zweifach stehende Kehlbalkendach-stuhl | firmigita steg-traba tegment-ĉarpentaĵo | stegotraba ĉarpentaĵo kun unu vertikala subapogilo | duobla vertobalka star-benko | dvojitá stojatá hambalková stolice |
| 38 | s Kehlgebälk | steg-trabaro | stegotrabo | vertobalkoj | hambalkové trámy |
| 39 | s Rähm | mez-ĉevrona patno | patno | meza patno | střední vaznice |
| 40 | r Pfosten (r Stiel) | patno-fosto | subapogila fosto | fosto | sloupek, sloup |
| 41 | r Bug | patna ŝtreb‹-trab›o | subapogila ŝtrebo | [fosta-patna] stego | pásek |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | [inter patno kaj fosto] | | | |
| 42 | r einfach stehende Pfettendachstuhl | patno-tegmenta ĉarpentaĵo | patnotegmenta ĉarpentaĵo kun unu vertikala subapogilo | simpla patna star-benko | jednoduchá stojatá vaznicová stolice |
| 43 | e Firstpfette | firsto-patno | firsta patno | firsta patno | hřebenová vaznice |
| 44 | e Fußpfette | tegment-randa patno | baza patno | baza patno | pozednice |
| 45 | r Sparrenkopf | ĉevron-piedo (ĉevrona elstaraĵo) | ĉevronpiedo | ĉevronpiedo | zhlaví krokve |
| 46 | r zweifach stehende Pfettendachstuhl | firmigita patno-tegmenta ĉarpentaĵo sur gamb‹onalta ›mureto | patnotegmenta ĉarpentaĵo kun du vertikalaj subapogiloj kaj krurtrabo | duobla patna star-benko | dvojitá stojatá vaznicová stolice |
| 47 | r Kniestock | gamb‹on-alta ›mureto | krurtrabo | genualta masonaĵo | půdní nadezdívka |
| 48 | eFirstlatte | firsto-tabulo | firstotabulo | firsta lato | hřebenová lať |
| 49 | e einfache Zange | firsto-stego | simpla fiksolato | simpla ĉevronrungo | jednoduchá kleština |
| 50 | e Doppelzange | baz-ĉevrona stego | duobla fiksolato | duobla ĉevronrungo | dvojitá kleština |
| 51 | e Mittelpfette | mez-ĉevrona patno | meza patno | meza patno | střední vaznice |
| 52 | r zweifach liegende Pfettendachstuhl | firmigita patno-tegmenta ĉarpentaĵo kun du-direktaj ŝtreboj | patnotegmenta ĉarpentaĵo kun du oblikvaj subapogiloj | duobla patna klin-benko | dvojitá ležatá vaznicová stolice |
| 53 | r Binderbalken (r Bundbalken) | tegmenta solivo kun soliv-stega ŝtrebo | ligsolivo | binda trabo | vazní trám |
| 54 | r Zwischenbalken (r deckenbalken) | tegmenta solivo sen soliv-stega ŝtrebo | solivo | trabo de vaka truso | [vazní] trám jalové (prázdné) vazby |
| 55 | r Bindersparren (r Bundsparren) | ĉevrono kun stego | ĉevrono kun stego | ĉevrono de plena truso | krokev plné vazby |
| 56 | r Zwischensparren | ĉevrono sen stego | ĉevrono sen stego | ĉevrono de vaka truso | krokev jalové vazby |
| 57 | r Schwenkbug | kverŝtrebo [inter soliv-stega ŝtrebo kaj mez-ĉevrona stego] | subapogila ŝtrebo | stego de klinbenko | ležatý pásek |
| 58 | e Strebe | soliv-stega ŝtrebo | subapogila fosto | ŝtrebo | vzpěra |
| 59 | e Zangen | interŝtrebo [inter soliv-stega ŝtrebo kaj ĉevrona stego] | ligolato | duobla ĉevronrungo | kleštiny |
| 60 | s Walmdach mit Pfettendachstuhl | grop-tegmento kun patno-tegmenta ĉarpentaĵo | groptegmento kun patnotegmenta ĉarpentaĵo | groptegmento kun patnobenko | valbová střecha s vaznicovou stolicí |
| 61 | r Schifter | part-ĉevrono en du-klina tegment-areo | stumpa ĉevrono | alonĝa ĉevrono | námětná krokev |
| 62 | r Gratsparren | grop-eĝa ĉevrono | gropeĝa ĉevrono | gropeĝa ĉevrono | nárožní krokev |
| 63 | r Walmschifter | part-ĉevrono en gropo | gropa stucita ĉevrono | gropa alonĝa ĉevrono | námětná krokev valby |
| 64 | r Kehlsparren | tegment-vala ĉevrono | gropvala ĉevrono | vala ĉevrono | úžlabní krokev |
| 65 | s doppelte Hängewerk | duoble firmigita patno-tegmenta ĉarpentaĵo | duobla pendĉarpentaĵo | duobla pendovorko | dvojité věšadlo |
| 66 | r Hängebalken | tegmenta solivo kun steg-fosto kaj ŝtrebo | pendsolivo | pendotrabo | vazní trám věšadla |
| 67 | r Unterzug | subsolivara trabo | ĉeftrabo | subapoga trabo | podvlak |
| 68 | e Hängesäule | steg-fosto | stegofosto | pendofosto | věšák |
| 69 | e Strebe | ŝtrebo [inter solivo kaj steg-fosto] | ŝtrebo | ŝtrebo | vzpěra |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 70 | r Spannriegel | substega interŝtreb-trabo | girto | disapogilo | rozpěra |
| 71 | r Wechsel | kver-ĉevrono | victrabo | vicbalko | výměna |
| 72 | r Vollwandträger | masiv-trusa tegment-ĉarpentaĵo | plenvanda truso | plenvanda bindoro | plnostěnný vazník |
| 73 | r Untergurt | suba (streĉa) membro | suba membro | suba membro | dolní pásnice |
| 74 | r Obergurt | supra (kunprema) membro | supra membro | supra membro | horní pásnice |
| 75 | r Brettersteg | tabularo | tabularo | breta almo | prkenná stojina |
| 76 | e Pfette | patno | patno | patno | vaznice |
| 77 | e tragende Außenwand | portanta ekstera muro | portanta ekstera muro | ekstera porta muro | obvodová nosná zeď |
| 78 | rFachwerkbinder | trusa tegment-ĉarpentaĵo | ŝtreba truso | trusa bindoro | příhradový vazník |
| 79 | r Untergurt | suba membro | suba membro | suba membro | dolní pásnice |
| 80 | r Obergurt | supra membro | supra membro | supra membro | horní pásnice |
| 81 | r Pfosten | trus-fosto | fosto | fosto | stojka, sloupek |
| 82 | e Strebe | trus-ŝtrebo | ŝtrebo | ŝtrebo | vzpěra |
| 83 | s Auflager (f Tragwand) | portanta muro | portanta muro | surmeto (subapoga muro) | uložení (nosná zeď) |
| --- | **e Holzverbindungen** | **ligno-kunigoj (ligno-juntoj)** | **lignojuntoj** | **lignoligoj** | **tesařské spoje** |
| 84 | r einfache Zapfen | tenon-junto [junto per tenono kaj mortezo] | tenonjunto | simpla tenonumo | jednoduchý čep |
| 85 | r Scherzapfen | fork-junto | forkjunto | forka tenonumo | nárožní čep, ostřih |
| 86 | s gerade Blatt | duonuma junto | duonuma junto | rekta platumo | rovný plát |
| 87 | s gerade Hakenblatt | duonuma hok-junto | duonuma hokjunto | rekta hok-platumo | plát s ozubem |
| 88 | s schräge Hakenblatt | oblikve duonuma hok-junto | oblikve duonuma hokjunto | oblikva hok-platumo | šikmý plát s ozubem |
| 89 | e schwalbenschwanzörmige Überblattung | hirund-vosta junto | hirundvosta junto | hirundvosta transplatumo | rybinovité přeplátování |
| 90 | r einfache Versatz | bevelita tenon-junto | bevelita tenonjunto | simpla oblikva mergumo | jednoduché šikmé zapuštění |
| 91 | r doppelte Versatz | duoble bevelita junto | duoble bevelita tenonjunto | duobla oblikva mergumo | dvojité šikmé zapuštění |
| 92 | r Holznagel | ligna najlo | lignonajlo | ligna najlo | dřevěný hřeb |
| 93 | r Dollen | ligna stifto | lignostifto | ligna kejlo | dřevěný kolík |
| 94 | r Schmiedenagel | forĝ-najlo | forĝnajlo | forĝita najlo | kovářský hřeb |
| 95 | r Drahtnagel | ‹drat-›najlo | dratnajlo | dratnajlo | drátěnka |
| 96 | e Hartholzkeile | ‹malmol-›ligna kojno | malmolligna kojno | kojnoj el dura ligno | klíny z tvrdého dřeva |
| 97 | e Klammer | krampo | krampo | krampo | skoba |
| 98 | r Schraubenbolzen | ŝraŭbo-bolto kun boltingo | bolto, ŝraŭbo kun ŝraŭbingo | ŝraŭba bolto | závitový svorník |
| 99 | e Knotenscheibe | | kunfiksa lameno | noda lameno | styčníková deska |

## Postskribo al la 26-a KF-letero

Amplekso de niaj dokumentoj *Konstru-Forumo* kreskis tro, parte pri tio kulpas la reviziado de *Esperanta Bildvortaro* (Duden). Bonvolu esprimi vin, ĉu prezenti la sekvantajn partojn senprokraste plu, ĉu envicigadi novajn bildkompleksojn itermite. Mi mem estas troŝarĝita kaj mi kredas, ke ankaŭ por vi utilus mal-akcelo de la diskutoj ĉe konservo de la dumonata ritmo.

Hodiaŭ mi ne listigas unuopajn taskojn pro manko de loko sur jam la 16-a paĝo. La taskojn legu mem kaj informu min pri viaj preferoj **antaŭ la fino de la monato februaro 2011**.

Kvankam viaj respondoj ne estis ĉiam kompletaj, mi dankas al vi por ĉiu via klopodo. Samtempe mi petas, ke mia ofta komentado de problemoj ne estu vidata kiel mentorado, ke ĝi ne estu vidata kiel „akra“,

sed kiel eksplicita, t.e. klara kaj rekta. Laŭeble esprimu vin ankaŭ rilate al la klerigaj temoj esperantologiaj kaj terminologiaj.

Brno 2011-01-11 *Jan Werner*